# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 18/11/2012 Okdekkvina Eldono 2012 18/11/2012 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

Se vi ne ricevas Tamen Plu de Bob Felby aŭ Australiaj Esperantistoj, aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# NOVAĴOJ





## ALKLAKU la hiperligilojn




AŬSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj

Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

# *Fabeloj kun Voĉoj kaj Ilustritaj Fabeloj*

http://www.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/

Birdo Fenikso - Fabelo verkita de Hans Christian Andersen, esperantigita de Zamenhof. Voĉoj: Flávio Fonseca kaj Cristina Pancieri.

Bonega filmeto pri Esperanto Ukrainians eager to learn Esperanto language trovis Nicole
http://www.presstv.ir/detail/2012/11/11/271658/ukrainians-eager-to-learn-esperanto-language/
Ukrajniaj Esperanto-parolantoj lernas la lingvon memstare, per enretaj lecionoj aŭ dum grupaj sesioj. Kelkaj eĉ kredas ke iam Esperanto povos anstataŭi la anglan kiel lingvon por interpopola komunikado.

## Aŭtobiografio de Donald Broadribb




Karaj,

Mi ĵus eksciis de la filino de Donald Broadribb, ke Donald publikigis aŭtobiografion pasintjare.
Ĝi aĉeteblas kiel e-libro por 6 dolaroj.

http://www.lulu.com/shop/donald-broadribb/pebbles-on-my-road/ebook/product-17482826.html

Mi ĵus legis kelkajn partojn. Kia vivo!

Amike, Nicole



Karaj, XX
Kiu aŭstralia esperantisto XX
estas tiu ĉarma infaneto XX
maldekstre? (Helpo: foto de 1935) XX
Amike Nicole XX
Vidu ankaŭ pli malsupre


iomete pli juna Esperantistino

# KLUBNOVAĴO





**Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj**



## Esperanto-Domo Sidnejo 25 Nov 2012

Aferkunveno 11atm Amuzkunveno 12ptm ĝis 4ptm?

**Sidnejo: Esperanto-Domo Zamenhof-Tago la 16an de Decembro, 12a horo meztage. Ĉiuj bonvenaj.**

## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 10 Nov 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## La Brisbana Esperanto-Societo

monate kunvenas sabaton je 13.00, en la Centra Urbega Biblioteko. Kunveno okazis je sabato novembro 17. Ni ekzercis nin pri gramatiko ktp. Je 15.00, ni iris al apuda kafejo por trinki kaj konversacii.

Kay Andersen



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...

Roberto Budzul

**ADELAJDA ESPEREJO**, ĉe 81/9 East Tce ADELAIDE 5000
sabate 10.30 - 12.30 Brendan Linnane gvidas pri *La Bona Lingvo*
vendrede 10.00 - 12.00 Max Wearing gvidas pri *Gerda Malaperis*
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375




Ni havas novajn esperantistojn en Adelajdo (en la mezo)
Amato kaj Rikardo ĵus translokiĝis el Japanio kaj intencas komenci novan vivon en Adelajdo.
Ni tre esperas ke ili renkontos multajn de vi. Amike, Sandor



**La Manlia Esperanto-Klubo** kunvenis la 17an de Novembro. Ĉiuj bonvenaj. Unu taso da senpaga kafo

Venis dek. John Casey hejmeniris frue, la aliaj estas sur la foto.




Mei Springer, Roger Springer, Matthew Fitzsimon, Dmitry Lushnikov
Eunice Graham, Ian Wylles, Chris Holliss, Ina Yosun Chang, Nicole Else.

Karaj,

Hieraŭ mi veturis al Manlio por Esperanto-kunveno. La ĉielo aspektis tre griza, do mi kunprenis mian pluvombrelon, sed fakte tio estis grava eraro! Mi devintus kunpreni la sunkremon.

Dek personoj partoprenis en la kunveno. Unu el ili estis 22 jarulo kiu komencis lerni Esperanton antaŭ 2 semajnoj kaj jam parolis! Matthew estas Brito kaj estas en Sidnejo por unu jaro. Alia partoprenanto estis juna usona esperantistino. Ŝi estas ege inteligenta virino kiu venis al Sidnejo por prelegi ĉe konferenco pri JavaScript. Ŝi kreis retejon pri fiziko por helpi studentojn pri fiziko. Post iom da babilado, ni promenis tra Manlio. Nek Yosun, nek Matthew konis Manlion. Finfine ni vizitis Anthony Gaskell, kiu bedaŭrinde estas en la Manlia malsanulejo. Tamen li vigle babilis en Esperanto kaj ni admiris la elrigardon el la malsanuleja ĉambro. La vido al la sidneja haveno estas vere tre impona de tie.

Amike, Nicole

Ina Yosun Chang el Kalifornio skribis: (Ŝi estas gasto en Esperanto domo dum 3 tagoj)

Dankon por la ĉiĉeronado en Manlio kaj la okazo por aŭskulti kaj paroli Esperanton, en alia lando! Mi bedaŭras pro mia tro rapida foriro fine de la posttagmezo. Fakte, mi estis tro malsata kaj volis gustumi "lamb-burger" aŭ "kangaroo-burger" aŭ alian manĝaĵon kiu ne estas facile havebla en Usono. Mi uzis la app-on, kiu nomiĝas Yelp por trovi Benbry Burger kaj mi manĝis "Lamblificent burger" - bona gusto kaj tre plaĉis al mi!



Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os? Kiuj ĉeestis? Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE kaj Aŭstralio
rspring@tpg.com.au
Taŭga desegno, ikono aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu estas bona kont-libro?

# AEA Informas

La estraro raportas: Nia lasta Skype kunsido okazis la 8/11/2012.
Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor partoprenis
* ESK estos forsendita al membroj lundon (12/11/2012)
* Ĝis nun 17 homoj aliĝis al la januara kongreso en Melburno.
Inter ili estas Daniel Kane.
* Ni multe diskutis kion fari pri nia arkivoj...La lasta ideo estas ordigi niajn malnovajn trezorojn dum la Melburna Kongreso, forĵeti kelkajn aĵojn kaj transporti la restaĵojn al la Esperanto domo en Sidnejo. Ni ankaŭ serioze konsideras ciferigi (digitalise) kelkajn partojn. Se vi ŝatus helpi aŭ havas aliajn ideojn, kontaktu nin. Amike Sandor

GOODWILL CONGRESS MELBOURNE 17-21 JANUARY, 2013

Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013, estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno. Pliaj informoj venos

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Skribu al ni



# LETEROJ IOM LONGAJ



Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

# Pri la Esperanto-kurso en Wilunga

Antaŭ kelkaj minutoj (11/11/12) mi ricevis ret-leteron de amikoj en Whyalla, S.A.
Tiuj olduloj surprizis min per sciigo ke ili ankoraŭ ĉe Whyalla parto de UniSA
kadre de la Universitato de la Tria Aĝo diligente daŭrigas sian lernadon de la zamenhofa lingvo.
Kaj, fakte, en 2013 ili atendas novajn 'viktimojn'.
Inter miaj 'viktimoj' antaŭ 18 monatoj estas emerita instruistino de nederlanda deveno (Marja) kiu supozeble nun gvidas la kurson kaj ĵus petis al mi korekti plurajn Esperanto-frazojn de la grupo samtempe sciigante ke ĉiuj el ili ankoraŭ ŝatas lerni Esperanton. Ankoraŭ mi kredas je mirakloj.

Ĉi supraj linioj kontraŭdiras mian informon al vi pasintan semajnon ke tiu kurso en Whyalla ne plu funkcias.

Amike Paulo Desailly



Donald Broadribb

Respondoj al la foto-enigmoj.

Ĉu ankaŭ vi deziras sendi al ni foton de kiam vi estis infaneto?



Nicole Else

## Vortoj de "Lernu"

PEREI
1. Perdi la vivon per akcidenta morto:
Ŝia filo pereis en batalo.
Malamikoj pereigis la ŝipon kun homoj.
Inter la multe da hundoj la leporo pereas.
2. Neatendite detruiĝi, neniiĝi:
Feliĉo leĝon ne obeas, subite naskiĝas, subite pereas.
La fruktoj de lia laboro neniam pereos.
Ĉiuj liaj vortoj pereis vane.
Via agado donis pereigajn rezultojn.